Jaro 11 Junio 1959 N-ro 5



# LA INTERNACIA FERVOJISTO

ORGANO DE **I. F. E. F.**

LA INTERNACIA FEDERACIO ESPERANTISTA FERVOJISTA

Sekretariejo: Orteliusstraat 108.III Amsterdam, Nederlando

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*



Du kontrastoj, kiuj montras la progreson de la Aŭstriaj Federaciaj Fervojoj

# Nia 11-a IFEF-Kongreso en Linz

La semajno al kiu ni IFEF-anoj sopiris jam tutan jaron, finiĝis, kaj reveninte hejmen oni sentas ioman nostalgion.
La ĉiutagaj devoj denove altrudas sin, sed ni ne tute perceptas tion, ĉar mense ni estas ankoraŭ en la bela Aŭstrio, kaj ree travivas la ĝojplenajn tagojn meze de la amikaro. Tagojn, kiuj neforgeseble restos en nia memoro, same kiel tiuj de la antaŭaj kongresoj.
La plej agrabla momento ĉiam estas la enveturo en la kongresan urbon. Scivole oni pendas duonkorpe el la fenestroj por vidi ĉu estas konatoj sur la perono, kaj ĉu la stacidomo estas esperante ornamita. Do ankaŭ nun en Linz.
Subite per la laŭtparolilo konata voĉo bonvenigas nin kaj petas kolektiĝi en la granda halo de la stacidomo.
Sekvis reciproka salutado, kaj tiam ek al la kongresejo por ricevi la necesajn dokumentojn. Transpasante la stacian placon, ni tuj vidis grandan esperantan tukon, per kiu la flankfasado estis ornamita. La fotografistoj inter ni tuj aktiviĝis por eternigi tiun belan bonvenigilon, ĉu kun, aŭ sen edzino sub ĝi.
La eldonado de la dokumentoj ĉiam postulas iom da tempo, precipe kiam granda karavano venas, sed tio ne gravas, ĉar intertempe oni interparolas kun malnovaj amikoj. Baldaŭ ĉiuj ricevis ilin, kaj tiam estis gvidataj al la hoteloj.
Jam dum la sama vespero okazis la interkonatiĝa kunveno en la granda salono de la kongresejo. La Schrammelorkestro „Zuschrodt" aŭdigis agrablajn sonojn, sed ĝi lasis sufiĉe da interspaco, por ke la ĉeestantoj povu paroli inter si. Ĉar multaj kongresanoj vojaĝis dum la nokto, kaj do sopiris al bona lito, jam antaŭ noktmezo la salono malpleniĝis.
La sekvintan tagon ni je la 9-a horo denove kolektiĝis en la sama salono por ĉeesti la solenan malfermon de la kongreso. Faris tion Esperantilingve Kort. Kons. D-ro Maximilian Schantl, ĝeneraldirektoro de la Aŭstraj Federaciaj Fervojoj. Post li parolis aro da eminentuloj diversterenaj.
Kiel lasta sekvis nia IFEF-prezidanto. Li dankis ĉiujn parolintojn por iliaj bondeziroj, kaj speciale la protektanton de nia kongreso, s-ron Dipl. Inĝ. Karl Waldbrunner, ministro pri trafika kaj elektraj aferoj, kaj la membrojn de la Honorkomitato pro ilia ĉeesto kaj la honoron, kiun ili faris al nia kongreso. Al la Esperanto-veterano s-ro Hugo Steiner, direktoro de la Internacia Esperanto-Muzeo en Vieno, kiu okaze de la Zamenhofa Jaro por ni prelegis pri la vivo de la Majstro, li transdonis binditan ekzempleron de la sep jareldonoj de la „Bulteno".
En la tagmezo sekvis komuna fotografado antaŭ la ĉefstacidomo. Bedaŭrinde la negativo estis ne tute klara, kaj pro tio oni ne multobligis la foton.
Poste sekvis urba rondveturado per aŭtobusoj, kiu finiĝis ĉe Pöstlingberg. Per monto-fervojo multaj kongresanoj iris supren al la elrigardejo por admiri la belan panoramon de la urbo kaj ĝia ĉirkaŭaĵo, aŭ veturis per la grotfervojeto tra fabela lando.
Vespere ĉiuj distris sin laŭplaĉe, ĉar prave la L.K.K. ne fiksis programon por tiu tempo.
Lunde okazis du laborkunsidoj, pri kiuj mi ne raportas ĉi-loke, ĉar ili poste estos presataj en nia organo.
Por la virinoj okazis dum tiu tempo interesaj ekskursoj; interalie al abatejo, panfabriko, laktejo, fromaĝfabriko, infanlernejo ktp. ktp.
La tago finiĝis per Kultura Vespero, en kiu nin amuzigis la magistrata orkestro sub gvidado de Sepp Froschauer per operet-koncerto.

Kantis la profesia aktorino Liselotte Wollner. Dufoje ŝi faris tion eĉ esperantlingve, pro kio ŝi estis forte aplaŭdata.
Je mardo okazis tri kunvenoj, dum kiuj por la edzinoj estis kelkaj ekskursoj. La balo, kiu sekvis dum la vespero, estis tre bone aranĝita. En unu parto de la granda salono estis la seĝoj kaj tabloj, kaj en la alia duono oni povis danci. Sur la podio sidis la fervoja orkestro el Linz, kiu tre bone ludis, kaj krome la Schrammel-Quartett „Schinwald" amuzis nin per siaj instrumentoj.
Tre ĉarmaj estis la bele vestitaj dancistinoj, kaj adminrinde la dancarto de la paroj. Ankaŭ la kongresanoj kompreneble deziris turniĝi sur la planko, kaj eĉ tiom fervore, ke fojfoje restis apenaŭ sufiĉe da spaco por libere moviĝi.
La postan tagon estis ekskurso al la fervoja ĉefriparejo, kie niaj teknikistoj sentis sin en sia elemento. Ne estis tempo por rigardi la tutan riparejon, ĉar ankaŭ staris sur la programo la vizito al la granda fer- kaj ŝtaluzino Vöest. Do, ek en la aŭtobusoj! Post sufiĉe longa veturado, dum kiam ni povis admiri multajn novkonstruotajn kaj -itajn domojn kaj ĉielskrapulojn, ni atingis la uzinon. Por priskribi ĉion, oni bezonus tutan libron, do permesu al mi, ke mi menciu nur tion, kion plej multe impresis al ĉiuj, nome: la ferfandejon. Estis impone vidi kiel la fero, kvazaŭ ardanta akvo fluis en la muldilojn. La ferblokoj poste per argano estis metataj inter pezaj rulcilindroj, kie ili platiĝis, ĝis kiam la dezirata formo estis atingita.
Post manĝado en la tiea kantino, ni rapidis al la kongresejo por aŭskulti la fakajn prelegojn, kiujn faris la samideanoj Bürger kaj Ulrich, respektive pri la evoluo de la horaro, kaj la signaloj ĉe la ÖBB (kun lumbildoj).
Vespere s-ro Giessner el Braunschweig per sonfilmoj igis nin image partopreni la lastajn tri U.E.A.-kongresojn.
Konsiderante la limigitajn teknikajn eblojn, laŭ kiuj la reĝisoro devis labori, oni ne rajtas esti malkontentaj pri la rezultato.
La unuaj du filmoj havis kelkajn mankojn, sed la tria jam estis pli bona, el kio montriĝis ke la reĝisoro progresis.
Estis bona komenco, kaj ĝi promesas multon por la estonteco. Eble ni iam povos ankaŭ tiel vidi niajn proprajn kongresojn.

Kiel rapide flugas la kongresaj tagoj. Jam estas ĵaŭdo, la lasta tago de la aranĝoj. La veterdioj, kiuj dum preskaŭ la tuta kongreso favoris nin, en ĉi-lasta tago malkondutis tiel, ke ni bezonis surmeti pluvmantelon dum la irado al la stacidomo. Tamen tio ne povas ĉagrenigi la kongresanojn. Rapide ili okupis siajn lokojn en la longa, speciala trajno, kiu post sephora veturado tra la plej belaj regionoj de Aŭstrio atingis la celon de la ekskurso: Bad Ischl. Sur la stacia kajo muziksocieto akceptis nin per gajaj sonoj, kaj la staciestro bonvenige alparolis nin. Kun la muzikistoj ĉefronte ni iris al „Kurhaus" por tagmanĝi. Poste estis ankoraŭ iom da tempo por promeni, kaj ĉar ree la suno brilis, multaj kaptis la okazon vidi iom de la urbeto. Sed ne dum longa tempo, ĉar baldaŭ devis komenĉigi la finfesto kaj la solena fermo de la kongreso. Regis gaja sfero en la salono. Muzikistoj kaj gedancistoj en nacia kostumo rikoltis fortegan aplaŭdon pro siaj prezentadoj, kaj pli rapide ol ni deziris venis la fino. Sinjoro Mollion, la direktoro de F.I.S.A.I.C., kiu tre favoras la esperantan movadon de la fervojistoj, kaj pro tio estas ŝatata gasto en niaj konresoj, per elokventa parolado dankis la L.K.K. kaj ĉiujn, kiuj kontribuis al la sukceso de la kongreso.
Li akcentis siajn vortojn, honorigante la prezidanton de la L.K. Dipl. Inĝ. Tschom, kaj la sekretarion, s-ron Angermayr, per „Ordeno pro Merito".
Denove bela kongreso finiĝis. Dankon al ĉiuj, kiuj tiel zorgeme preparis ĝin.

kaj kiuj ankaŭ dum la tuta semajno laboregis por kontentigi ĉiujn siajn gastojn. Specialan dankon ni direktas al la prezidanto de la distrikta fervoja direkcio en Linz, Kort. Kons. D-ro Leopold Kassecker, kiu per sia ĉeesto en multaj el niaj aranĝoj montris sian sinceran simpation al nia fervojista esperantista movado.

## ZAMENHOFJARO

La 15-a de decembro 1959 estos la 100-jara datreveno de la naskiĝo de D-ro L. L. Zamenhof, nia majstro, kiu dediĉis sian grandan talenton kaj ĉiujn siajn fortojn al la solvo de la lingva problemo. Multon li oferis, multe li suferis por la efektivigo de sia idealo.

Por memorigi la 100-jaran datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, okazos ĉie tra la mondo diversaj aranĝoj dum la tuta jaro 1959.

Speciala Internacia Organiza Komitato sub prezido de Prof. G. Conuto kunordigos tiun agadon, kiu atingos sian kulminon la 15-an de decembro 1959. Sekretario de la Komitato estas Prof. D-ro Ivo Lapenna. Dek vic-prezidantoj, unu helpsekretario kaj ĉirkaŭ kvindek membroj, ĉiuj plej elstaraj esperantistoj el ĉiuj anguloj de la mondo, kompletigas la Komitaton, kiu laboras sub la aŭspicioj de speciala Internacia Patrona Komitato, en kiun eniris pli ol cent elstaraj eminentuloj de la scienco, literaturo kaj ĝenerale kultura kaj publika vivo de diversaj landoj: respublikaj prezidantoj, ĉefministroj, ministroj, prezidantoj de parlementoj, sciencistoj, verkistoj kaj artistoj, kies meritoj por la kulturo larĝe transpasas la limojn de iliaj landoj.

Dum sia kunsido en aŭgusto '58 en Mainz la Internacia Organiza Komitato akceptis bazan programon de la aranĝoj en la Zamenhofjaro, el kiu ni mencias jenajn plej gravajn punktojn:

*„Diivastiga de la verko de Prof. E. Privat pri la vivo de Zamenhof en Esperanto kaj en kiel eble plej multaj naciaj lingvoj.*
*Serio de dokumentoj pri Zamenhof kaj la Internacia Lingvo.*
*Speciala kampanjo en televido kaj radio.*
*Specialaj festoj dum la Universala Kongreso en Varsovio.*
*Eldono de jubileaj postmarkoj en kiel eble plej multaj landoj.*
*Publikigo de dokumenta filmo pri Zamenhof kaj lia verko (prizorgota de Pollando). Eldono de memorigaj glumarkoj kaj foto en pluraj formatoj de D-ro L. L. Zamenhof.*
*Ĉiuj Esperanto-kongresoj — landaj, fakaj, kaj specialaj — havu solenajn kunsidojn kun prelegoj, muzikaj punktoj, deklamadoj k.s.*
*Ĉiuj festoj kaj aranĝoj — ĉu en lokaj, ĉu en landaj, aŭ internacia kadro — estu vaste utiligataj por plia informado pere de la gazetaro, radio, ekspozicioj, afiŝoj, aŭ aliaj rimedoj'.*

En sia alvoko al la tutmonda esperantistaro la I.O.K. insiste admonas, ke absolute ĉiuj publikaj aranĝoj — prelegoj, literaturaj vesperoj, ekspozicioj k.s. — estu ankaŭ laŭ la ekstera formo sur la plej alta nivelo kaj nepre en konvenaj ejoj; ĝi alvokas ĉiun unuopan esperantiston ne nur helpi al sia loka, landa aŭ faka organizaĵo en ĝiaj aranĝoj, sed ankaŭ mem intensigi sian aktivecon dum la tuta jaro 1959, diskonigante la lingvon inter la gekonatoj, kaj instrui la lingvon eĉ al malgrandaj grupoj.

Per bona laboro oni povas facile atingi almenaŭ duobligon de la nombro da personoj, kiuj nun parolas la Internacian Lingvon. Kaj tio signifas — devas signifi — la duobligon de la membroj de ĉiuj niaj organizaĵoj.

Tro granda nombro da Esperantistoj estas ankoraŭ ekster la organizaĵoj.

La statistiko montras ke ekzemple unu triono de la partoprenantoj en la Universalaj Kongresoj ne estas individuaj membroj de U.E.A., kiu daŭre streĉas ĝis maksimumo siajn fortojn por progresigi Esperanton en la mondo. Sen U.E.A. ne ekzistus la Jarlibro, ne ekzistus la U.K., ne funkcius la monda informado, nek C.E.D., nek I.S.U., nek estus atingitaj la sukcesoj ĉe Unesko. Eĉ la Zamenhofjaro ne povus esti aranĝita en monda kadro se U.E.A. ne iniciatus kaj organizus ĝin. Ju pli forta estas U.E.A., des pli efike ĝi povos labori por Esperanto.
La Zamenhofjaro prezentas la plej grandan kampanjon en la tuta historio de la Internacia Lingvo. Ĝi estas firma bazo por la lasta etapo ĝis la fina venko. Por instigi la aliĝon al U.E.A., estas menciinde ke ĉiu individua membro en 1959 ricevos donace la memorigan dokumentaron pri la Zamenhofjaro.
Plue, ke ĝia Revuo en 1959 regule aperados 20-paĝa plus 4 paĝoj de la kovrilo. Donacojn por la Fondaĵo-Zamenhof oni povas sendi al la Centra Oficejo de U.E.A. en Rotterdam (Nederlando), aŭ al la ĉefdelegitoj kaj perantoj en diversaj landoj.

## ELDONO DE BILDBIOGRAFIO DE D-RO L. L. ZAMENHOF

Oni ofte vidas foton pri nia Majstro, sed kompleta bildaro mankas ĝin nun. Kaj tiuj bildoj troviĝas en la manoj de multaj Esperantistoj, en arkivoj de Esp.-unuiĝoj kaj Esp.-revuoj. Se ili ne estos reproduktataj baldaŭ, ili perdiĝos unu post la alia pro morto de pioniroj, de veteranoj pro politikaj okazaĵoj, kiel ekz. la tuta familia Zamenhof-arkivo en Varsovio pro la bombardo de la urbo. Ni do rapide realigu la projekton de eldono de kompleta bildaro pri la vivo de Zamenhof.
Kaj ĉi tiu jaro 1959, la Zamenhof-memorjaro, estas bona stimulo por efektivigi la projekton. Bildoj en privataj kaj unuiĝaj arkivoj estas senvaloraj por la tuta Esperantistaro.
Iu devas okupi sin pri la kolektado de la fotoj kaj pri la reproduktado de ili. La bildbiografia libro devas esti kiel eble plej malmultekosta.
Ĉu tio estas realigebla? Jes, se ĉiuj helpas laŭpove.
La reproduktado de la fotoj estas multekosta, kaj la klisiĝo de la bildoj ankaŭ. Tamen, mi estas en la feliĉa situacio, ke mi instruas Esperanton al profesia fotografo, kiu helpas min treege bone, pro kio la reproduktado kostas malmulte. Oni do kaptu ĉi tiun okazon.
Trarigardu malnovajn revuojn, kaj se vi renkontas Zamenhof-fotojn, bonvolu sendi, ĉu la eltranĉitan foton, ĉu la revuon.
Kelkaj Esperantistoj kaj Esp-unuiĝoj jam sendis fotojn, kiujn mi reproduktigis kaj resendis al la sendintoj. Al ili mi esprimas mian dankon.
En la bildbiografio troviĝu la fotoj pri Zamenhof kiel infano en Bjalistoko kaj Varsovio, pri la Z-familia vivo, pri Z inter la kongresanaroj de la kongresoj de 1905—1913, pri Z kiam li vizitis diversajn landojn, pri Z-entombigo ktp. Kaj ankaŭ fotoj pri la Z-monumentoj ekzistintaj kaj nun ekzistantaj, pri Z-memorŝtonoj kaj -tabuloj, Z-bustoj kaj -pentraĵoj ktp. Ankaŭ pri la loĝejoj de Zamenhof en diversaj urboj.
Se la Esperantistoj sendas rapide, mi povos montri la bildaron jam en Varsovio dum la 44-a Universala kongreso. Kaj post la Z-jaro ni havos kompletan superrigardon pri tio, kio aperis en ĉi tiu jaro: eble poŝtmarkoj, monumentoj ktp. La libro povos aperi en la komenco de 1960.
Sendu viajn kontribuaĵojn al **Henk THIEN, Uiterwaardenstraat 12 II, Amsterdam Z., Nederlando.**

## EL LA SEKCIOJ

### Italio

Fervojistaj esperantistoj el Bologna partoprenis la aranĝojn de la Bologna Esp-grupo por memorigi la 10-an datrevenon de la Deklaracio de la Homaj Rajtoj kaj la komenciĝon de la Zamenhofa Jaro.
Dimanĉon la 7-an de decembro okazis enaŭguro de la Esp-sekcio de Casalecchio di Reno, kies prezidanto Guddoni Giovanni estas fervojisto kaj delegito de U.E.A. Tiu Esp-sekcio ricevis la nomon „Arnaldo Curti", honore al samideano Prof. Arnaldo Curti, kiu multe klopodis por varbi esperantistojn en Casalecchio kaj kiu mortis en 1957.
Dum tiu manifestacio D-ro Tadolini kaj Inĝ. Nanni evidentigis per trafaj vortoj la samecon de la idealoj kaj celo de la Esp-movado kun tiuj, entenitaj en la Deklaracio de la Homaj Rajtoj, kaj atentigis pri la komenciĝo de la Zamenhofa Jaro.
Je merkredo la 10-a de decembro estis speciala manifestacio de la Deklaracio ĉe la sidejo de la Bologna Esp-grupo.
Plue ĉe la profesia lernejo de la Centra stacidomo en Bologna, vendrede la 12-an de decembro antaŭ la 20 partoprenantoj de la Esp-kurso por fervojistoj, organizita de la „Dopolavoro Ferroviario" en kunlaboro de nia asocio, la instruistino s-ino Delvina Gimelli prelegis pri la U.D. de la Homaj Rajtoj.
Dum la jaro 1959 la manifestacioj pri la Zamenhofa Jaro daŭriĝos ĉiumerkrede per legado de iuj ĉapitroj el „La Historio de Esperanto" kaj de „La Vivo de Zamenhof".
La prezidanto de la „Dopolavoro Ferroviario" reklamis la fervojistan Esperantan kurson per taŭga grandformata dukolora manifesto.

### Aŭstralio

Por varbi novajn membrojn kaj kursanojn por la venonta kurso, niaj amikoj en Aŭstralio aranĝos dum aŭgusto ekspozicion.
La tiea IFEF-sekcio konsistas nur el 15 membroj, sekve ĝi nepre bezonas nian helpon, por ke la ekspozicio estu alloga kaj celtrafa.
Helpu ankaŭ en alia kontinento plifortigi nian IFEF-movadon!
Sendu do senprokraste bele afrankitajn bildkartojn, esperantistaĵojn, ktp al ĉi-suba adreso. Rekompense vi ricevos bildon de vidindaĵoj el la urbo Melbourne. Adresu al: Esperanto-grupo, Railways-Institute, Melbourne, Aŭstralio.

## INTERNACIA KORESPONDSERVO

Ni petas al niaj legantoj kiuj deziras individue korespondi kun eksterlandanoj, ne direkti siajn petojn al la IFEF-redaktoro, sed rekte al la gvidanto de I.K.S. s-ro W. Biesheuvel, Ceramplein 58hs, Amsterdam-O, Nederlando.
Oni aldonu Internacian Respondkupono, ĉar sen tiu, la peto ne estos pritraktata.
Nur grupoj da korespondemuloj turnu sin al la IFEF-redaktoro, kies adreson vi povas legi sur la lasta paĝo de nia organo.

## NIA ĜENERALA SEKRETARIO HONORIGITA

Je la 30-a de aprilo Ŝia Reĝina Moŝto de Nederlando honoris nian ĝeneralan sekretarion Jan Lok per arĝenta medalo en la „Orde van Oranje Nassau". Li ricevis tiun gravan distingilon pro sia fidela servado dum 40 jaroj ĉe la fervojo, kaj pro la grava laboro kiun li faris por la esperanto-movado.
Ni jam dum dekoj da jaroj konas Jan Lok. Ni scias kiel fervore kaj entuziasme li donas siajn forton kaj liberan tempon al la disvastigo de esperanto inter la

kolegaro. Tial ni ĝojas pro lia honorigo, kaj esperas ke li ankoraŭ dum multaj jaroj povos doni siajn fortojn al la esperanto-movado.

## TUTMONDA GAZETARA EKSPOZICIO (15 ĝis 31 sept.)

Por altiri la atenton de la hispana ĵurnalistaro al nia lingvo kaj al la esperanto-movado, la Esperantista Klubo „Nordo" de Educacion y Desacanso, Oviedo, Hispanio, Str. San Juan 10, decidis aranĝi tutmondan ekspozicion de ĵurnaloj, gazetoj, revuoj ktp. en naciaj lingvoj, kaj ankaŭ en Esperanto. Ni intencas prezenti pli imponan kiel eble amason de periodaj publikigaĵoj, kio elmontros la taŭgecon de nia lingvo por internaciaj rilatoj.
Tiun aranĝon patronecas la Provinca Sindikatestro, kaj ni esperas ke la hispana Ministro de Nacia Edukado kaj la Ĝenerala Direktoro de Hispana Gazetaro akceptos honoran patronadon.
Nia celo malsukcesos se vi, geesperantistoj, ne helpas nin sendante ĉiaspecajn ĵurnalojn, revuojn, gazetojn; porvirinajn kaj porinfanajn periodajn publikigaĵojn k.s. en via nacia lingvo. En la ekspoziciejo ni starigos apartan Esperantan standon.
Ni esperas ke vi sendos al ni plej multan materialon por nia ekspozicio kaj restus al vi tre danka se vi diskonigus nian planon al viaj geamikoj esperantistaj aŭ ne-esperantistaj, kaj al la ĵurnalistoj de via urbo.
Ni estas pretaj pagi la afrankon de la sendaĵoj kaj resendi ĉi tiujn post la prezentado, se tion vi deziras. Ni kvitancos ĉiun sendaĵon per bela ilustrita poŝtkarto. Mi ne dubas pri via helpo kaj pro tio mi antaŭdankas vin.

Luis, Garcia Fernadez, Prezidanto.

## EL ALIAJ ESPERANTO-ORGANIZOJ

**Esperanto-Ligo Berlin** invitas la anojn de la 44-a Universala Kongreso, kiuj travojaĝos Berlinon, restadi tie dum kelkaj tagoj.
Berlino estas urbego plena de vidindaĵoj kaj havas viglan, kaj relative fortan esperantistaron. Se do sufiĉe da esperantistoj deziras tion, la Ligo estas preta fari interesajn aranĝojn.
Skribu al la tiea delegitino de U.E.A. por turismo: f-ino Herta Franck, Wulfila-Ufer 37, Berlin-Tempelhof, Germanujo.
Informu ŝin pri via alveno kaj deziroj, kaj aldonu Internacian Rerpondkuponon.

En la kadro de la Zamenhofa Jaro, Sveda Esperanto-Instituto aranĝos en Frostavallen, de la 9-a ĝis la 16-a de aŭgusto sian jam konatan Kultursemajnon. La ĉi-jara temo estos: „LANDOJ-POPOLOJ", kun atento pri **Orienta kaj Okcidenta kulturaj valoroj.**
Plurajn informojn oni petu al: s-ro Jan Strönne, Amaralsgatan 36, Malmö C, Svedujo.

Ĵus aperis la Jarlibro de U.E.A. por la jaro 1959. Tiu ĉi unua parto havas 544 paĝojn kun riĉa enhavo. Ĝi estas la plej granda, la plej kompleta kaj varienhava jarlibro en la tuta historio de U.E.A.
Ankaŭ la organo de U.E.A. „Esperanto" fariĝis en ĉi tiu jaro ankoraŭ pli granda. Ĝi nun ampleksas 24 paĝojn.
Plue oni atentigas nin pri tio, ke en la kadro de la Universala Kongreso en Varsovio okazos ankaŭ Internacia Infana Kongreseto por infanoj inter 6 kaj 13 jaroj, kiuj komprenas kaj parolas Esperanton.
La aliĝkotizo estas fiksita je 6 $. Por poloj kaj popoldemokratiaj landoj 144 Zl. Aliĝilojn oni petu al: 44-a Universala Kongreso de Esperanto, Varsovio.



## ESPERANTO TRADUKO

de

## „DAŬRIGO: LA RESPEKTO DE L' VIVO"

Nova verko de japana biologo kaj pacifisto. Aperos je propra eldono de akademia asocio.

Okazis io nova, kio meritas tujan sciigon al niaj legantoj kaj al ĉiuj esperantistoj. La estraro de tiu ne-esperantista organizaĵo, kia la Japana Asocio de Universitataj Diplomitoj (havanta proksimume 75.000 membrojn) ekinteresiĝis pri la Internacia Lingvo kaj decidis mem eldoni Esperantan tradukon de nova verko de ĝia direktoro d-ro Sanehide Komaki: **„Daŭrigo: La Respekto de l' Vivo".**
La aŭtoro estas doktoro pri filozofio kaj scienco, multflanka aktivulo kiel vegetarano, pacifisto, mondfederalisto ktp.
En **„Daŭrigo: La Respekto de l' Vivo"** d-ro Komaki pritraktas diversajn problemojn pri la Respekto de la Vivo, disvolvante la tezojn, interalie pri la forigo de la buĉado de brutoj, la malaktualigo de la jura institucio de mortpuno kaj la abolo de la vandalisma solv-rimedo de internaciaj konfliktoj, milito, sub la kreotaj sistemo kaj aŭtoritato de mondregistaro.
La verko nun estas esperantigata de la ĉefredaktoro de „Oomoto", sinjoro Tazuo Nakamura, kiu prenis sur sin la taskon memore al la Centjarfesto de Zamenhof.
La Asocio kun la plano eldoni antaŭ la aŭtuno de tiu ĉi jaro la Esperantan tradukon apoge de antaŭmendoj, jam ekspedis al multaj organizaĵoj de la mondo cirkuleron en la nomo de d-ro Hirosi Hukuda, ĝenerala sekretario de la Asocio, kune kun la anglalingva enhavo-resumo de la libro, speciale verkita de la aŭtoro mem.
La prezo de la Esperanta libro ankoraŭ estas fiksota (publikigota poste), sed ni jam garantias, ke ĝi estos nete-modesta, ĉar la eldonfako de la Asocio estas ne-profitema, kaj aparta celo de la nuna eldono estas diskonigi la pacifistajn ideojn de la aŭtoro trans ĉiujn landlimojn per Esperanto.
Malavaran subtenon per antaŭmendoj atendas la **Redakcio de Oomoto, Kameoka, Kioto-hu, Japanujo, 3.**

## GASTRONOMIA TERMINARO

kun fakterminaro por kelneroj kaj kuiristoj de Erhard Urben, estinta ĉefkelnero en multaj landoj de la mondo, estas eldonata en Esperanta, Angla, Ĉeha kaj Franca lingvoj. Ĝi estas 128 paĝa, broŝurita, kaj je formato 11,5 x 15,5 cm. La vendoprezo estas 13 steloj aŭ 11 resp. kup. kaj ĝi estas mendebla ĉe U.E.A.

## FALDFOLIOJ PRI ZWOLLE

La Unuiĝo por Fremdultrafiko eldonis du elustritajn kaj bele kolorigitajn faldfoliojn pri la urbo Zwolle.
Tiun sukceson ni dankas al la U.E.A.-delegito en tiu loko, s-ro A. N. de Kleine, kaj la tiea Fern-grupo kaj aliaj Esperantistoj.
Kutime la Fremdultrafikaj Unuiĝoj eldonas siajn propagandilojn nur en la nacia kaj tiel-nomataj „modernaj" lingvoj, kaj nur post daŭra klopado oni povas persvadi ilin eldoni la faldfoliojn ankaŭ en Esperanto.
Ili opinias Esperanton tiom malmulte konata, ke eldono en tiu ĉi lingvo estas forĵetita mono. Por forigi tiun malĝustan antaŭjuĝon, ni urĝe petas al niaj legantoj, kaj speciale al tiuj, kiuj en septembro partoprenos la feriosemajnon en „De Leemkule" (apud Zwolle), peti alsendon de tiuj faldfolioj, kiuj senkoste estas havigeblaj ĉe: **Informejo V.V.V., Verkeershuis Stationsplein, Zwolle, Nederlando.**

---

Redaktoro H. Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam-O, Nederlando